FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA · H E F

Año V (N.° 50)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 2

FEBRERO 1953

RUZAFA, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

# LA BATALLA IDIOMÁTICA



Entre las muchas batallas que la llamada «guerra fría» produce con profusión: la diplomática, la comercial, la industrial, etc..., una de las menos ruidosas, pero no por eso menos tenaz, es la que libran continuamente las naciones por su preponderancia idiomática. En efecto, aparte de la querencia lógica por el habla propia — que es, además, la manifestación palpable de la tradición y de la historia patrias — la batalla idiomática se libra para obtener ciertos beneficios de tipo material nada despreciables, como son: la ventaja sobre otras naciones para discusiones diplomáticas, difusión de propaganda política, mayores facilidades comerciales y turísticas, expansión científica y literaria, etc...

El francés perdió su primera batalla en el Tratado de Versalles, al tener que admitir el inglés como par, con igualdad de derechos. En la Conferencia de San Francisco tuvo que hacerse a un lado, para dejar sitio a varios más. Hasta entonces no había hecho más que perder preponderancia, quedando como igual de aquellos que había considerado por encima del hombro. Pero, ahora, hay más. Su equilibrio inestable ha sido vencido por el impulso inexorable de la razón... monetaria. En efecto; hace poco, el Boletín mensual de la O. N. U., en lengua francesa, ha dejado de publicarse por razones económicas. Esto, que confirma la decadencia política del francés, no se refleja por la sustitución de otro idioma rival más afortunado, sino por la aceptación de varios más, con lo que desgraciadamente la confusión es mayúscula. Pues, por lo menos, hace cuarenta años aún, sabiendo francés — que costaba relativamente poco de aprender — podía considerarse todo viajero lo bastante provisto para andar por el mundo. Pero hoy se necesita saber tres o cuatro idiomas para creerse algo seguro en ese aspecto. ¡Y no crean los ingenuos que con el inglés se va a todas partes!

En primer lugar, son muchos, muchos, los intelectuales, comerciantes y técnicos que no saben el inglés. Y en segundo lugar, son también muchos, muchos, los que sabiéndolo no quieren usarlo en sus conversaciones o correspondencia por simple principio de amor propio nacional o autodefensa idiomática. Hoy, el mejicano ilustrado sabe inglés, pero el norteamericano que visita Méjico debe exhibir sus escasos o abundantes conocimientos de español para poder hacerse entender. Y lo mismo ocurre en Siria, en Egipto y en la India. En esos países son mayoría los que no saben ni jota de la lengua de Byron, y la minoría que la conoce la emplea para sus lectnras y estudios, pero no para conversar con anglosajones. Los actuales rectores del Indostán esperan desterrar totalmente el inglés dentro de diez años, que es lo que creen tardar en poner a punto una modernización del sanscrito, al uso corriente del pueblo.

Dentro de poco, la batalla fría por los idiomas habrá creado, sin pretenderlo, el ambiente propicio para que el Esperanto, unico e indiscutible idioma neutral y práctico, ocupe el lugar que merece como lengua auxiliar internacional. Es decir, que el caos idiomático será tan grande, al paso que vamos, que al final dejará de ser un problema, porque todos se asirán a esa tabla de salvación que es el Esperanto, el magnífico medio de intercomprensión, tan eficiente como fácil y que, como la viga del refrán, no veían a pesar de tenerla ante los propios ojos.

## Al la Britaj, Nederlandaj kaj Belgaj Esperanto-Organizoj estas sendita jena letero:

Estimataj Samideanoj!

Bonvolu akcepti per ĉi tiuj linioj la solidarecon de Hispana Esperanto-Federacio, okaze de la granda-katastrofo, kiun pro terura subakviĝo ĵus suferis via nobla lando. Ni esprimas al vi kaj al la parencoj de ĉiuj viktimoj nian profundan kondolencon, plej speciale al tiuj apartenantaj al nia granda familio.

LA PREZIDANTO
*Daniel Llorens*

LA SEKRETARIO
*Vicente Santamaria*

**AKOMPANO DE AMIKO KONSOLAS EN MOMENTO DE AFLIKTO!**

## LA APORTACIÓN ECONÓMICA PARA EL DICCIONARIO

*Se han recibido ya muchos boletines de aportación para el diccionario, pero es preciso que todos los esperantistas manden pronto su boletín. Cada socio de la Federación debe cuidar que no quede un esperantista en su localidad que no haya llenado el suyo. Los Delegados de la Federación han de encargarse de hacer los envíos para mayor facilidad de los subscriptores.*

Dirección: RAMÓN MOLERA, Calle del Hospital, 13 — MOYÁ (Barcelona)

## KONTRAŬ KAJ MALKONTRAŬ EKZAMENOJ

Tre merita profesoro M. el Madrido, intervjuate de ĵurnalisto en Barcelono, diris pri ekzamenoj: «Tute malsaĝaj! Mi neniam ekzamenas miajn lernantojn. Mi aprobas tiujn, kiuj regule vizitas la kurson, la aliajn ne, ĉar la bonojn pasi tra la Universitato havas nur tiuj, kiuj aŭdadis la lecionojn. En la Universitato oni devas instrui nur ĝeneralajn metodojn. La ekzameno estas antaŭjuĝo, ankoraŭ havata de ni, sed mi ne dubas, ke iam ĝi malaperos. Mi neniam penas instrui programon; sed mi zorgas, ke miaj lernantoj ricevu ĝeneralan ideon pri la kunvivado, kio estas la unika avantaĝo, kiun oni povas tiri de la Universitato. La ekzamenoj taŭgas por nenio. Ni ĉiuj studentis, kaj scias kiom la sorto povas influi rezulton de ekzameno».

Malsame ol S-ro M. mi opinias la ekzamenojn konvenaj kaj necesaj. Ekzameni ne estas nur aranĝi la kunsidojn por ke la lernanto respondu kelkajn demandojn de la profesoro. La konveno respondi ĝuste la demandojn baziĝas sur la neceso kontroli, ĉu la lernanto ŝajnas aŭ ne ŝajnas posedi la celitajn sciojn. Tiu kontrolo interesas la profesoron nur duagrade, ĉar la ĉefa interesato devas esti la lernanto mem, kiu kontrolas ĉiutage sian laboron, provante bildigi en sia intelekto la naturon de la prilaborita afero, kaj reprodukti en sia memoro, pli-malpli ekzakte, la esprimon de tiu naturo. *Studo, lerno, relerno* kaj *kontrolo* estas la elementoj, nepre necesaj, de bonplana laboro por akiri scion. Tial, la *finkursaj ekzamenoj*, tute simile al la ĉiutaga kontrolo, estas laŭebla esploro de la tuta farita laboro dumkursa.

**LUDOVIKO SANTAMARINA** (Madrido)

## Pri la instruado de Esperanto en Komerca Supera Lernejo

Dank' al la afabla permeso de S-ro Johano Morini-Comby, Profesoro en la Universitato de Montpellier, kaj samtempe Direktoro de Komerca Supera Lernejo en la sama urbo, samideano René Llech-Walter, Prezidanto de Esperanto-Federacio «Languedoc-Roussillon», fervora propagandisto, gvidas tie Esperanto-kurson.

Por danki la lernéjestron, kiu montris sin tiel spontanee favora al Esperanto, ni estus tre dankemaj al vi, se vi bonvolus sendi, kiel eble plej rapide, ilustritan poŝtkarton aŭ leteron esperantlingve, fervore gratulante la eminentan lernejestron.

Jen la koncerna adreso:

**Monsieur Jean MORINI - COMBY**
Directeur Ecole Supérieure de Commerce
2, Rue Saint Pierre
**MONTPELLIER (Hérault) - Francio**

## FILATELISTOJ: ATENTU!

Unu el la tri plej grandaj filatelaj revuoj de Svedlando, «Frimarks-Bladet», decidis kunlabori kun Internacia Asocio de Poŝtmark-kolektantoj. Jam ekde la decembra numero de 1952, tiu revuo enkondukas regule Esperantlingvan paĝon, kun filatelaj informoj kaj kurso de Esperanto por filatelistoj. Ĉiuj interesuloj rajtas anonci sin per Esperanto, tute senkoste, pri poŝtmarkinterŝanĝo en la revuo. Estas nia espero, ke multaj kolektantoj eklernos la internacian lingvon per tiu gazeta kurso. Ni tial petas ĉiujn esperantistajn poŝtmark-kolektantojn helpi per partopreno en tiu senkosta anoncado, montrante al la filatela mondo, kiel uzebla kaj praktika Esperanto estas. Sendu vian nomon kaj adreson, preslitere, al S-ro Ingemar Nordin, Skolvägen, Arjäng, (Svedio). Se vi dezirus specimenon de la revuo aldonu 2 internaciajn respondkuponojn kun via adreso.

## NOVA ESPERANTO-GRUPO EN BARCELONA KVARTALO

En la kultura Sekcio de Kooperativo «La Hormiga Martinense» ĵus fondiĝis Esperanto-Grupo, kiu vigle laboras por nia afero. Okaze de la inaŭguro de kurso, oni aranĝis agrablan feston, kun ĉeesto de granda nombro da geknaboj. Fervora gvidanto de la grupo estas la brava pioniro kaj inspirata poeto S-ro F. Vilá, kiu tiel majstre deklamis en la Literatura Vespero, dum la Kongreso en Tarrasa. Alia valora elemento estas la kasisto, S-ro Planell, kiu instruas nian lingvon al 50 gelernantoj. La grupo nombras jam hodiaŭ 70 membrojn.

# ◆ LINGVA KONKURSO: LERNU TRADUKANTE! ◆

**Daŭrigante la taskojn de nia konkurso, ni prezentas hodiaŭ al progresantoj kaj perfektiĝemuloj alian ekzercon, laŭ inversa maniero ol tiu de la pasinta numero. La plej bona traduko ricevos belan libron, kiel premion.**

TEKSTO: «Cuando en nuestra alma se alza una luz, por humilde que sea, si por desilusión o por cansancio quisiéramos apagarla, debemos pensar antes que ya no es sólo nuestra la humilde lucecilla, que si perdió ya su valor para nosotros, acaso es en la vida única estrella para algún caminante de la vida, que sin su luz perdería el camino en las noches obscuras de su alma». *(De una comedia de Don Jacinto Benavente).*

**Traduku ĉi tiun tekston, kiel eble plej fidele kaj bonstile, en Esperanton kaj sendu ĝin antaŭ ol la 1.ª de Aprilo al**

**S-ro RICARDO QUILES, San Vicente, núm. 164 - VALENCIA**

## TOLEREMO...

Por atingi la kuracon de sia endokardito, iu paciento ricevis en la daŭro de unu jaro: 850 gr. de Aŭreomicino. 134 gr. de Streptomicino, 112 gr. de Terramicino, 105 gr. de Kloromicetino kaj 2.600 milionojn da unuoj de Penicilino, tute sen ia toksigado. Laŭ niaj kalkuloj, la paciento post tiu kuracado purigis sian sangon, sian hepaton kaj... sian poŝon, ĉar kredeble li elspezis pli ol 250.000 pesetojn.

## ...KAJ NETOLEREMO

Fama profesoro rakontis, ke, foje, kiam li ankoraŭ estis juna kuracisto, venis kamparano al lia kliniko kun peza sako; tio multe ĝojigis lin, ĉar, ŝajne, la komplezema vilaĝano alportas melonojn aŭ... kokinojn!

Sed, kiam venis vico al la kamparano por eniri, li prenis la sakon kaj brue ŝutis el ĝi, sur la sojlon, dudekon da boteloj kaj skatoloj, dirante antaŭ la gapaj okuloj de la juna doktoro, per forta voĉo:

—Hontu! Hontu milfoje! Neniun el tiaj viaj kuracilaĉoj toleris mia edzino.

## OPINIO PRI HISPANIO

...«Cetere, ni trovis la landon bela kaj interesa, kaj la popolon eksterordinare afabla kaj bonkora. Tiuj vortoj validas speciale pri la samideanoj, ĉar nur ilin ni povis kompreni. Ni admiras ilin pro ilia bonega scio de nia lingvo, ĉar dum preskaŭ 15 jaroj, ili apenaŭ havis personan kontakton kun eksterlandaj verdstelanoj. Ilia prononcado de nia lingvo estas ĝenerale modela. Al vojaĝemuloj mi tre rekomendas viziti Hispanion, ĉar ĝi havas abundon da vidindaĵoj, afablan popolon kaj ege helpemajn bonkorajn gesamideanojn. Ili ankoraŭ ne facile povas eliri el sia lando; do, iru vi al ili! Vi ne bedaŭros tion!»

*El artikolo de dana samideano, S-ro Leo Friis, aranĝinto de esperantista karavano, laŭ raporto aperinta en «Heroldo de Esperanto».*

*Certe, submetiĝo al malfortulo estas disciplino, sed submetiĝo al fortulo estas servuteco.* CHESTERTON.

## SFINKSA ANGULETO

TIKLAJ KARTETOJ

**MAMULO** — **MALATENTIGI**

IK L




**Oni akceptos solvojn, por la premio, ĝis 21. Marto.**

SOLVO DE PROBLEMO **LA SEKRETO** EN LA PASINTA NUMERO

**Posedos la sekreton 2045 personoj**

## LA LABORO DE LA BIRDOJ

La turdo ne ripozas ĝis la naŭa vespere, kaj ĝi vekiĝas jam je la dua kaj duono matene, kio egalas al daŭra aktiveco de dek-naŭ horoj. Dum tiu tempo, ĝi portas nutraĵon al siaj idetoj ducent fojojn. La merlo komencas labori je la sama horo ol la turdo, sed ĝi haltas por ripozi du horojn pli frue. Oni ne diru, do, ke la birdoj estas mallaboremaj, kompare kun aliaj bestoj.

***La Internacia Lingvo povas aspekti «nenatura» nur al la homoj, kiuj ne konas ĝin sufiĉe. Sed tiun saman «nenaturecon» havas ĉiu ajn nacia lingvo, kiam ĝi estas aŭdata aŭ legata de persono, kiu ĝin ne konas. Nu, kompreneble, oni tion kutime ne kuraĝas diri pri la naciaj lingvoj, dum pri la Internacia Lingvo kiu ajn duonklera ulo sen ruĝiĝo aŭdace kuraĝas doni sian altan opinion!***

**El la verko «Retoriko» de D-ro I. Lapenna.**

**La reguloj faras la arton rutino, helpante nur al la ordinaraj homoj.** DIDEROT

Kun la britaj kaj belgaj marbordoj funde damaĝitaj, la renversitaj digoj en Nederlando atestas abrupte pri tio, ke ne nur la poezio de l' neĝo karakterizas la vintron, sed ankaŭ la teruro de tempestoj kaj ŝtormoj. Pomile pereadis homoj kaj sendefendaj bestoj, detruiĝis valoregaĵoj kaj evidentiĝis ankoraŭ la senbrida potenco de la naturaj fortoj. Sed, kvazaŭ floro de doloro, la homa solidareco tuj disradiis ĉie tra la mondo, por iel mildigi la aflikton de suferantaj popoloj; kvankam pripensinde estas, ke nur en okazo de katastrofo *jam okazinta,* oni konscias pri la komuneco de sorto en la homa vivo, de nasko ĝis morto, malgraŭ diferenco de flagoj kaj malsameco de lingvoj. Tial, la esperantistoj, pioniroj de plej efektiva konkordo, kiel membroj de unu granda familio, devas esti nun modelo en la ekzemplo, ĉar rekte interŝanĝante ideojn aŭ pensojn, trans limojn de flagoj kaj lingvoj diversaj, ili bezonas neniun katastrofon por plene konscii pri

# INTER LA PROZO DE LA

supera celo en la ideala kaj reala komuneco, kiu spite ĉion ligas ja la homojn...

Kaj honore al karaj geamikoj el tiuj landoj, kiuj ĵus suferis batojn de la sorto, mi revuas hodiaŭ omaĝe iliajn gazetojn laŭ iom hazarda sinsekvo: THE BRITISH ESPERANTIST estas reprezentata per ampleksa kompilo de bonega artikolo, ĉi-najbare represita. ESPERANTO EN SKOTLANDO dediĉas grandan parton al la recenzoj, «ĉar la libroj eldonitaj en Esperanto estas supermezure gravaj por nia movado». «Sekve, ni urĝe instigas niajn legantojn aĉeti kaj legi bonajn verkojn. Kiel skribis latina poeto: Nur la skribita vort' forspitas faton kaj morton!» THE WORKER ESPERANTIST, en artikolo pri la rasa problemo en Sud-Afriko, amare komentas metodojn citante frazon de tiea ĵurnalo: «La sola lingvo, kiun ĉi tiuj homoj (la negroj) komprenas estas la skurĝo». LA SKOLTA MONDO enhavas nur skoltajn temojn en sia lasta numero, per ĝi oni scias, ke la britoj emas skoltigi knabon en tre frua aĝo. BELGA

Zamenhof iam sugestis la kreon de «neŭtrala» gento, kiu interalie posedus Esperanton kiel heredan lingvon. Tiu gento, eĉ se tre malgranda, garantius la pluan ekziston de Esperanto, eĉ se ĝi «elmodiĝus». Tia gento neniam efektive kreiĝis, sed individuaj esperantistoj instruas Esperanton al la infanoj samtempe kiel la nacian lingvon. Mi mem faris tion ĉe mia filo Andreo, kiu naskiĝis la 8an de Novembro 1948, ne nur por la bono de nia afero, sed ankaŭ por certaj avantaĝoj, kiujn, miaopinie, posedas dulingvulo. Mi celtu sole la pli profundan komprenon de la Angla lingvo kaj la helpon ĉe la studo de aliaj lingvoj. La metodo, kiun mi sekvas estis simpla. Mi ĉiam parolas al Andreo nur en Esperanto, kaj mia edzino ĉiam parolas nur Angle. Neniam ni renversas la rolojn, krom por eksperimento. Komence, ĉi tiu nekutima renverso ŝajnis mirigi Andreon, sed li nun tute akceptas la fakton, ke liaj gepatroj povas ŝanĝi la lingvon, kvankam li rilatigas la Anglan kun Panjo kaj Esperanton kun Paĉjo. Antaŭe mi parolis al mia edzino ĉiam Esperante, kiam Andreo ĉeestis, kaj ŝi respondis Angle, sed nun mi ofte uzas la Anglan kaj ŝi, kelkfoje, Esperanton. Jam de longe Andreo konscias, ke li estas dulingva kaj nun scias la nomojn de la lingvoj, sed dum longa tempo ni uzis la esprimojn: «Paĉjo (Panjo) diras...» aŭ «Paĉjo (Panjo) nomas ĝin...» Li nun bone apartigas la du lingvojn, sed li ankoraŭ kelkfoje parolas Angle al mi, aparte post foresto mia. Nur tre malofte li Esperantas al aliaj. Tre frue li reagis al ambaŭ lingvoj. Jam je la aĝo de 9 monatoj, li movis la okulojn, kiam mi demandis: «Kie estas la lumo?» Je la aĝo de 13 monatoj li obeis la ordonon: «Metu la pupon en la ĉareton!» Liajn plej fruajn vortojn mi nun ne tre bone memoras kaj bedaŭrinde mi ne notis ilin; sed antaŭ ol li aĝis unu jaron, li diris unuopajn vortojn: ekz., «lumo». Aliaj fruaj vortoj estis: «ĝis, manĝi, petas». Tiutempe mi faris specon de infaneta parolado por kuraĝigi lin

# ESPERANTO KIE

**En «The British Esperantist» S-ro K. ... artikolon, kiun iom kompile tre plezur... ĝi multe plaĉos al ĉiuj studemuloj kaj...**

paroli. Jen kelkaj ekzemploj: «... tof-tof (pantofloj), boj-boj (hund... vere ekparolis, mi forlasis ĉi tiun ... en simpla sed normala Esperanto ... (knabino) kaj similajn mallongig... pli korekte ol Angle. Aliflanke, ... malfrue ol la Angla, sendube ĉa... sono ol *j*. Li ekuzis la pluralon s... kio li preskaŭ neniam eraras, kva... okordigis la adjektivon kun la s... li uzas nun korekte. Laŭ mia ob... as, is, u, i, (ĉi tiuj du lastaj o... neniam uzas kunmetitajn tempo... monatoj li diris: «Mi estas mastil... mastikon). Ili nun plioftiĝas, kaj...

Tre frue Andreo komprenis la ... et» estis inter la plej oftaj. Li fa... per ili, ekz. «supilo» (kulerego, ĉ... li ridegis kiam mi nomis lian ... «flarilo». Et- kaj eg- svarmas ... gigantego», «mi pafegas per p... kaj li preskaŭ ĉiam nomas min ... 6 futoj! Aliflanke li obstinis n... kam mi ĉiam diras «globetoj». ... konfuzo en la komenco; ekz. li ...

## :SPERANTISTA GAZETARO

ESPERANTISTO informas bone pri la Beneluksa Kongreso kaj pri la premio «Antoinette Jennen», kio estas postlasaĵo de bedaŭrata amikino; laŭ decido de la juĝantaro, la premio ne plu estas donata al privatulo, sed al belga grupo, kiu plej bone laboris. Nuntempe, la vetkurado iras inter la brusela kaj antverpena grupoj. Jam en la lando de la tulipoj, kie nun regas konsterno, jen kelkaj konataj titoloj: NEDERLANDA ESPERANTISTO havas novan redaktoron. En anguleto Redakcia Babilo, iom amare li diras: «Do, ree komenciĝos —espereble ne por jaroj— la ne tro ĝojiga tasko legi, relegi (iam diktatore korekti) la ensendojn de aliaj kaj *ĝui* acidajn leterojn de nekontentaj abonantoj». LABORISTA ESPERANTISTO ankaŭ raportas vigle pri sia proksima Kongreso en Hago; vere studinda estas la raporto de la Sekretario, jen kelkaj vortoj: «La postmilita deliro al kinejvizitado, dancado kaj aliaj amuzoj jam longe pasis, sed ni bedaŭrinde devas konstati, ke la soifo al scio ne atingis la antaŭmilitan entuziasmon». «En ĉiuj medioj, oni aŭdas la saman vekrion pri malinteresiĝo al kulturaj studoj». Amara vero, sed vero, kiun ni devas agnoski, kvankam ne pasive akcepti. LA PROGRESANTO estas, kiel kutime, plaĉa kajereto por studemuloj. MATENRUĜO, la ŝatinda folio de la distrikto Haarlem, aperigas raporteton, kiu kortuŝe nin koncernas; jen fragmento: «Estis ĝojo por ni, ke k-do Schoon pretis rakonti al ni ion pri sia vojaĝo al Hispanio. Kaj li faris tion en maniero, por kiu ni nur havas laŭdon. Ni kune kun li vizitis la subterajn vinkelojn, trinkis kune kun li la fortan vinon, festis kun li la oficialan akcepton en Cheste, k.t.p. Kaj li faris tion en tiom simpla lingvo, subtenata de tiaj gestoj, ke eĉ la komencantoj preskaŭ plene povis kompreni lin».

Sed, kiel honora hispana konsulo, tiu bona amiko scias ankaŭ, ke se Nederlando materie situas malalte, sub nivelo de maro, spirite ĝi rangas tre alte super la koro de

**LA LEGEMA KOBOLDETO**



## . HEJMLINGVO

**Stephenson publikigis ege interesan**
**ni represas ĉi tie, ĉar ni opinias, ke**
**precipe, al la esperantistaj gepatroj**

-va» (vagonaro), ŝu-ŝu (ŝuoj),
, ĉev-ĉev (ĉevalo). Tuj kiam li
ingveton, kaj parolis al li ĉiam
Li mem faris la vorton «bino»
n. Generale li parolas Esperante
la Esperanto-pluralo venis pli
*s* estas pli facile distingebla
mtempe kiel la akuzativon, pri
kam ĝis antaŭnelonge li ne ofte
ostantivo. La verbajn tempojn
ervo, li akiris ilin en la ordo:
e konfuzitaj), os. Li preskaŭ
, sed je la aĝo de 2 jaroj kaj 2
nta». (Li ŝajnigis, ke li miksas
i bone komprenas la uzon.
uzon de la afiksoj «ist, il, eg,
plurajn originalajn kunmetojn
pkulero), botilo, (botŝtipo) kaj
uŝon «kisilo» kaj lian nazon
lia parolado, ekz. «grandega
lego», «mia dorseto doloras»,
'aĉjeto», kvankam mi altas je
i ludglobetojn «globoj», kvan-
prefikso mal- kaŭzis iom da
distingis «supren» kaj «malsupren», sed li venkis tiun malfacilon, kiam li estis 18 monata.

Rilate lian prononcon de Esperanto, ĝi estas laŭeble fidela imito de la mia kun ordinaraj infanaĵoj. Preskaŭ ĉiam li uzis (kaj iomete ankoraŭ uzas) «l» anstataŭ «r», ekz. volante kortuŝi min li diris: «via eta kala plolas». Li ankaŭ havas kelkajn proprajn strangaĵojn, kiel «ĝarbeno» (ĝardeno) «gradi» (vadi). Kelkaj misprononcoj verŝajne rezultas el la fakto, ke li tre frue parolis kaj ankoraŭ ne korektis siajn erarojn. Eble, el ĉi tiu eksperimento ni povas tiri kelkajn konkludojn pri la estonta evoluo de la lingvo. Ekkrioj formitaj per la forlaso de finaĵoj abundas ĉe Andreo, ekz. «pik! bat! bala! salteg-salteg!» Li ankaŭ milde malbenas laŭ tute natura maniero, ekz. «fulmotondr(eg)(aĉ)o! Sankta Ĉielo! Pro Dio, Paĉjo! Mil diabloj!» kaj iom pli forta estas lia propra formaĵo: «Fajraĉo kaj Dio!» Ĉi tiuj uzoj eble montras la vojon al pli pika, ĉiutaga formo de la lingvo. Nur unu radikon li mem inventis, t.e. «brumi» kio signifas «murmuri kiel motoro». De ĝi li ankaŭ formis la vorton «brumigilo» kaj «forbrumi», sed en la lasta tempo ĉi tiu neologismo ŝajnis cedi lokon al «zumzumi».

Resume: mi senhezite rekomendas esperantistajn gepatrojn eduki siajn infanojn dulingve — sed nur se ili mem sufiĉe bone estras la lingvon. Aliajn samideanojn mi petas kuraĝigi ĉi tiuj laŭnaturajn esperantistojn, parolante al ili en Esperanto. Ne atendu, ke ili tuj respondos Esperante, sed persistu, kaj ili ja tion faros. Se pli multaj esperantistaj gepatroj tiel edukos siajn infanojn, eble ne estos utopie antaŭvidi la estiĝon de esperantistaj komunumoj en iuj kvartaloj, kiujn aliaj povos viziti por lerni la lingvon de la *indiĝenoj* mem! Miaopinie, bona provo pri la fido de esperantistoj al la propra lingvo estas, ĉu ili estas pretaj instrui ĝin al la *propraj* infanoj ĉe la lulilo. Jen pruvo pri mia propra fido: Andreo nun havas fratineton, Paŭlino, kiu naskiĝis la 9an de Aprilo 1962, ŝi ankaŭ lernos Esperanton en la hejmo!

# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

● CANADÁ.—El Comité Nacional de Cinematografía ha filmado la película «Neighbours» (Vecinos), en la que aparece en Esperanto el aviso «Amu vian najbaron» (Ama a tu vecino).

● URUGUAY.—En las Escuelas Normales de este país se han establecido, con carácter oficial, cursos de Esperanto para los futuros maestros. Estos cursos están mantenidos por el Estado, y son seguidos con gran interés por un elevado número de alumnos.

● HOLANDA.— En el Grupo Esperantista «Maten - Ruĝo», de Haarlem, el señor I. Schoon dió una charla sobre impresiones de su viaje por España, que fué escuchada con gran interés, despertando en muchos el deseo de conocer personalmente nuestro país.

● FRANCIA.—En «Franca Katolika Esperantisto» se publica información y programa sobre el Congreso-Peregrinación a celebrarse en Lourdes del 12 al 15 de Agosto próximo, por los esperantistas católicos, y al que se puede asistir después del Congreso de Bilbao.

En la Escuela Superior de Comercio, de Montpellier, tuvo lugar la apertura de un curso de Esperanto. La inauguración la efectuaron el Rector de la Universidad, señor Guillón, el Alcalde y catedrático de la Facultad de Medicina, señor Boulet, con asistencia de otros varios distinguidos profesores, muchos de los cuales están vivamente interesados.

● ITALIA.—«La Voce di S. Antonio», revista de la Orden Franciscana en Roma, publica «La página degli Esperantisti» de la «Unione Esperantisti Cattolici d' Italia» (Vía Rovereto, 6 - VERONA). Los científicos italianos esperantistas han constituído una asociación, afiliada a «Internacia Scienca Esperanto-Asocio», para la aplicación práctica del Esperanto en los medios científicos, técnicos, industriales y comerciales. Su presidente es el Profesor Canuto, Rector de la Universidad de Parma y entusiasta samideano; el secretario es: Sr. Pierluigi Marelli - Piazza Napoli, 40 - MILANO.

En Sicilia están asistiendo a cursos de Esperanto gran número de maestros nacionales, gracias a la ayuda a tal fin concedida por el Ministerio de Educación, en las Escuelas Normales de Catania, Ragusa, Comiso y Vittoria, centros culturales de la isla.

● GRECIA.—En la «Escuela Superior de Ciencias Económicas y Sociales», de Atenas, se está desarrollando un curso de Esperanto con asistencia de 71 participantes.

● YUGOSLAVIA.—El Gobierno de Croacia, en cuya capital Zagreb, tendrá lugar el 38 Congreso Universal de Esperanto el próximo mes de Julio, ha concedido a la Comisión Organizadora una subvención de 500.000 dinares (unas 70.000 pesetas).

## INTERLINGVA PARALELO

**ORIGINALO**

Ĉiutage, ĉirkaŭ la tagmezo, mi iras tra la ponto. La ponto estas larĝa kaj longa. Ponto inter la du bordoj de la vasta kaj majesta rivero, ponto inter la grandurbo kaj ĉirkaŭaj vilaĝoj. Tiu ĉi ponto estas solida, masiva, konfidinda; ĝi estas inda al la rivero.

El originala novelo de la konata esperantista verkisto Ferenc Szilágyi

**TRADUKO**

**Diariamente, alrededor del mediodía, paso por el puente. El puente es ancho y largo. Puente entre las dos orillas del espacioso y majestuoso río, puente entre la urbe y los pueblos circundantes. Este puente es sólido, macizo, de confianza; es digno del río.**

De un cuento original del conocido escritor esperantista Ferenc Szilágyi

## XIV CONGRESO ESPAÑOL DE ESPERANTO EN BILBAO

**7 - 8 - 9 - 10 DE AGOSTO DE 1953**

**Es de suponer que muchas hojas de inscripción, de las que se mandaron en el número anterior, estarán ya rellenadas para que los organizadores confeccionen las primeras listas de adheridos. En Valencia siguen los preparativos para la caravana de autobuses, pues por el número de inscritos es de suponer que no bastará un sólo coche. En varias ciudades de Cataluña se preparan reuniones para tratar de la asistencia colectiva a este gran Certamen, del que se esperan los mejores frutos. Así, pues, en beneficio propio, para disfrutar de unos días inolvidables, y en interés de la seriedad y prestigio del esperantismo español, hay que esforzarse y superarse para que nuestra Asamblea Nacional alcance un éxito no inferior al que tan plenamente se logró en Tarrasa y Valencia, ante las autoridades y público en general.**

Sea cada esperantista en su respectiva localidad un activo elemento, con propia iniciativa, haciendo sugerencias al

**Comité Organizador del XIV Congreso Español de Esperanto.** Ronda, 32-BILBAO

**TROJLO KAJ KRESIDA.** Tragedio-komedio en kvin aktoj de Wil iam Shakespeare, el la angla originalo tutproze tradukita de Stephen A. Andrew. Eldonita de «The Esperant Publishing Company Ltd.» Rickmansworth (Anglujo). 18 x 12 cm. 95 paĝoj. Prezo: 2 ŝilngoj kaj 6 p. plus 2 p. por afranko. Aĉetebla ĉe kutima enlanda Libro-servo aŭ rekte mendante ĉe U. E. A.

Ĉiu lingvo nepre gajnas honoron, liverante siajn elementojn por garni traduke la altflugajn pensojn kaj elegantajn parolturnojn de Shakespeare, genia super geniuloj. Esperanto, kompreneble, ne estas escepto en la parado; kaj la modela traduko de «Hamleto», fare de Zamenhof, malfermis vojon al pliaj tiucelaj klopodoj. Inter aliaj, Stephen A. Andrew, klera samideano, diplomito de la Brita Esperantista Asocio, plej sisteme surpaŝis tiun vojon, ĉar per la verko ĉi tie nun recenzata, li metas kompletigon en nia lingvo al la serio, kiun li nomas «trilogo de titolaj amoparoj».

En «Trojlo kaj Kresida» la heroino-amatino prezentas sen vualo la variemajn facetojn de virina psikologio per jukaj reagoj de fidelo-malfidelo, tute sinceraj laŭ momento aŭ cirkonstancoj. Atente studante la sencon de la vortoj de Kresida, oni ne povas ne konkludi, ke pri amaj aferoj nenio nova estas nun sub la suno... Sur paĝo 19ª eni legas konsiderojn ŝiajn, kiuj aspektas ne nur modernaj, sed ankaŭ modernistaj: ***Ĉe amindumado, virinoj ja estas anĝeloj. Nenion scias la amatino, kiu ne scias, ke la amanto taksas la celaĵon gajnotan pli alta ol vere ĝi estas.*** k.t.p. laŭ simila filozofio.

La tradukinto, S-ro A. Andrew, ŝajnas lerta kaj sperta pri la pompa stilo de Shakespeare, sed ne ĉiam li sukcesis ebligi fluan legadon en sia traduko, ĉar belege klaraj periodoj najbaras kun aliaj ĝene konfuzaj, ne ja pro la originalo mem, sed pro obstina apliko de stranga sintakso. Jen unu ekzemplo, inter multaj: ***Diablojn faras timoj el keruboj.*** Kial ne helpi la komprenеblecon, uzante la samajn vortojn laŭ alia pli facila ordo? Ankaŭ ŝokas ega trouzo de la sufikso ***aĉ,*** kiu, kredeble, por redoni nuancojn, svarmas en preskaŭ ĉiu paĝo. Cetere, laŭ mia opinio, mankas klarigoj pri kelkaj neologismoj, kvankam enŝoviĝis pluraj kunmetitaj vortoj, kiel ***krustbakaĵaĉo,*** kiuj plej okulfrape difektas la estetikon.

Tamen, neniel mi volas kaŝi laŭdojn antaŭ la vortoj de Kresida, tre ĉarmaj, precipe en la amoscenoj, kie la vervo de la fama aŭtoro nature ŝprucas kaj la bonvolo de la kuraĝa tradukinto fariĝas evidenta.

Pri tio ne ekzistas dubo, same kiel pri lia speciala kompetenteco en la elektita fako. Tio plene montriĝas en interesa antaŭparolo, kie tute sincere estas dirite, tamen, ke li ne malmulte profitis per la sugestoj de recenzistoj kaj legintoj de liaj antaŭaj tradukoj. La simpla kaj bela prezento konfirmas la prestiĝon de la konata eldonejo, kiu riskus nenion anoncante premion al serĉantoj de preseraroj en tiu ĉi libro, kiun ĉiu serioza progresanto zorge devas trastudi.

**LUIS HERNANDEZ**

---

**LA KARNAVALO KAJ LA SOMNAMBULINO**

**El la memoraĵoj de negravulo**

De Karl Lebrecht Immermann. El la germana lingvo tradukis Prof. D-ro E. A. Wohlthat. La «Epoko»-libroj. — Vol. XI. — Eldonita de «The Esperanto Publishing Company Ltd.» Rickmansworth (Anglujo) 1952. 104 paĝoj. Prezo: 4 anglaj ŝilingoj.

La «Epoko»-libroj ekeniras sian duan dekon per tre alloga rakonto de germana aŭtoro el la romantika periodo. Dek-unu numeroj de esperantista libro-serio estas gravaĵo, kaj «The Esperanto Publishing Company» estas entrepreno gratulinda kaj subteninda en sia agado. Ĉar, se por ke lingvoj vivu kaj disfloru estas necese, ke ili sin literature kultivu, por Esperanto tio estis kaj estas ĝis nun nepra kondiĉo.

***La karnavalo kaj la somnambulino*** estas sufiĉe atentoveka rakonto, kiu lerte elvolviĝas. Sed ne nur la intrigo estas interesa; multaj opaj paĝoj elstaras pro aliaj valoraj ecoj. La libreton finas bonhumora rakonteto, ***Leŭtenanto kaj fraŭlino,*** de la samaj aŭtoro kaj tradukisto. La traduko estas tre bona, kaj ĝenerale ĝi legiĝas tute senpene. Tamen, jen kaj jen mi trovis erojn, kiuj al mi restis neklaraj; ekzemple, p. 18ª: «La plej ***groteska (?) sorto*** devis gvidi min al la palaco de ŝiaj gepatroj; mi vidis ŝin, ***provis la strekon*** (?), jen la ***animstato (?) efektiviĝis».*** Sur paĝo 33ª oni legas la vorton ***Donkiĥoto;*** ĉiokaze mi preferus skribi du vortojn: ***Don Kiĥoto;*** kaj kiam temus pri la homtipo, ne pri la cervantesa ĉefheroo, unu vorton kun komenca minusklo: ***donkiĥoto.*** Sur paĝo 82ª troviĝas ***donĵuano,*** ĝuste kun minusklo; sed mi preferus, laŭ la ekzemplo ***donkiĥoto,*** ortografii ĝin jene: ***donĥuano;*** tiel ĝi estus pli konforma al la origina prononco, kaj oni evitus la sonon rezultantan el la kombino ***--nj--,*** kiu estas ĝis nun fremda al Esperanto kaj ne facile distingebla de ***--nj-- (sinjoro, vinjeto,*** ktp), tiu ***--nj--*** respondе similas la hispanan ***ñ,*** portugalan ***nh,*** francan kaj italan ***gn,*** k. t. p.

Nu, resume, plaĉaj kovrilo kaj preso --preskaŭ sen eraroj, kiel kutime ĉe EPC--, distra kaj agrabla enhavo, lingvo flua, al kiu ne mankas artismo, elinter aliaj bonaj kvalitoj, igas min senhezite rekomendi ĉi tiun libron.

**J. RÉGULO PÉREZ** Kanariaj Insuloj

---

**◆ Akiri libron estas aldoni brikon al la domo de nia literaturo! ◆**

# ☆ LA LERNEJO

*F. R. en Valencio.* — Al via demando pri tio, ĉu estas same uzi la prepoziciojn *apud* kaj *ĉe,* mi respondas, ke ekzistas diferenco inter ambaŭ, kvankam en kelkaj okazoj oni povas uzi ilin tute same. Ekzemple: «Li sidis *apud* la fajro» aŭ «Li sidis *ĉe* la fajro». Tamen ne ĉiam tiuj prepozicioj havas saman signifon; ekzemple: «Mi loĝas *ĉe* la strato Colón» kaj «Mi loĝas *apud* la strato Colón». En la unua kazo, mi loĝas en tiu strato, kaj en la dua, mi loĝas en alia strato, kiu situas proksime, apude de la strato Colón. Mi ne volas preterpasi ĉi tiun cirkonstancon, en kiu mi devas klarigi vian dubon, ne esprimante mian admiron pro via rapida kaj firma progreso en nia lingvo, kion vi ŝuldas al la konstanta legado de bonaj verkoj. Tiamaniere vi atingos la perfektecon, kiun vi deziras; kaj pri tiu perfekteco, mi havas la opinion, ke estas preferinde uzi la lingvon en ĉiuj cirkonstanceoj, kiam tio estas ebla, eĉ ne posedante tre grandan kvanton da konataj vortoj, ol scii parkere la tutan Plenan Vortaron kaj alparoli la samideanojn en nacia lingvo. Kelkaj samideanoj opinias, ke inter samlandanoj oni devas paroli la gepatran lingvon, lasante la uzon de Esperanto por la okazoj, kiam oni parolas kun eksterlandano. Grava eraro, ĉar se oni nur praktikas la lingvon dum la maloftaj okazoj de renkontiĝo kun eksterlandano, kian lingvokapablecon oni atingos? Amikan saluton. **JUAN BOSCH.**



## HELPU!

Ĉe skeptika medio, mi sola laboradas por nia lingvo. Mi sukcesis akceptigi regulan Esperantan elsendon ĉe Radiostacio por gejunularo. Sendu sugestojn, radieblaĵojn (angle, esperante, france, hispane, itale, portugale, katalune), ekspozicieblaĵojn, esperantajn muzikpaperojn; prefere, ne resendendajn. Mi restos dankema.

Antonio Alonso Núñez - Str. Real, 21, 2.°
PONTEVEDRA (Hispanio)

## ATENTIGO PRI "RADIO ALERTA" DE VALENCIO

***La elsendo «Esperantista Mikrofono» ekde la 4.ª de Marto okazos ĉiumerkrede de la 21'45 ĝis la 22'15 (horo en Greenwich) per mallonga ondo de 7 megacikloj 43 metroj. Adreso: Colón, 11 — Valencio (Hispanio)***

## NASKIĜO

***La 14an de Januaro naskiĝis filino Rosa María al niaj karaj gesamideanoj Ortigosa; en strato Virtud, 26, Zaragoza (Hispanio) Patrino kaj filino fartas bone. Nian gratulon!***

## ANONCETOJ

Hispana junulo deziras korespondi kun eksterlandaj gesamideanoj.

José M.ª Terradellas — Strato San Pedro MOYÁ (Barcelona) — Hispanio



# PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a FEBRERO 1953)

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 864 Ptas. |
| D. Antolf - Tarrasa | 5 » |
| E. Roca - Tarrasa | 15 » |
| S. Chaler - Tarrasa | 15 » |
| J. Chaler - Tarrasa | 10 » |
| J. Meya - Tarrasa | 25 » |
| D. Chaler - Tarrasa | 10 » |
| J. Doménech - Tarrasa | 10 » |
| V. García - Tarrasa | 25 » |
| Esperanto-Fako - Tarrasa | 25 » |
| V. Arís - Tarrasa | 10 » |
| S. Closa - Tarrasa | 10 » |
| J. Garriga - Tarrasa | 5 » |
| F. Cervelló - Tarrasa | 10 » |
| F. Poses - Tarrasa | 10 » |
| M. Blanco - Tarrasa | 5 » |
| F. Poses (hijo) - Tarrasa | 5 » |
| F. Poy - Tarrasa | 5 » |
| J. Vallés - Tarrasa | 10 » |
| R. Sanromá - Tarrasa | 5 » |
| J. Olivé - Lérida | 10 » |
| R. Albero - Burjasot | 10 » |
| E. Maynar - Zaragoza | 10 » |
| J. Martínez - Zaragoza | 10 » |
| M. Casasnovas - Zaragoza | 10 » |
| M. Ortigosa - Zaragoza | 4 » |
| D. Cebollero - Zaragoza | 5 » |
| A. P. Marqueta - Zaragoza | 25 » |
| T. Ferré - Alcover | 5 » |
| V. Fraga - Benicarló | 10 » |
| N. Ullar - San Feliu de Codina | 75 » |
| S. Gumá - Reus | 10 » |
| P. Criach - Sabadell | 10 » |
| P. Maldonado - Aguilas | 6 » |
| E. Albalat - Valencia | 10 » |
| J. Anguita - Jaén | 5 » |
| A. A. - Pontevedra | 10 » |
| X. Z. - Y. | 100 » |
| P. Parra - San Jaime | 35 » |
| M. Real - Reus | 10 » |
| M. Pinilla - Zaragoza | 10 » |
| Total | 1.459 » |

*Que no se pierda el ritmo. ¡Adelante!*

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA